1ª Jaro — Nº 10 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 10 Majo 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## Paco per infanoj

P. Stratmann, O. P., konata gvidanto de la Germanaj katolikaj pacemuloj, publikigas en la revuo *Der Friedenskämpfer* (La batalanto por la paco), organo de la « Friedensbund Deutscher Katholiken » (Pacligo de Germanaj Katolikoj) artikolon, en kiu i. a. ni legas jenon :

Al la Germana grupo de « Internationaler Versöhnungsbund » (internacia ligo por repacigo) apartenas la merito, esti iniciatinta paclaboron de infanoj inter Germanujo kaj Francujo. Multaj konataj personoj kaj unuiĝoj, i. a. ankaŭ « Friedensbund Deutscher Katholiken » aliĝis kaj interkonsentiĝis je jena formo de amikecesprimo : Germanaj infanoj 6- ĝis 14-jaraj sendas al samaĝaj Francaj infanoj leteron kaj aldonas simbolan donacon, malgranda konstrukesto, t. e. cerbekzercilo, per kies ŝtonoj oni povas kunmeti diversajn figurojn. La letero, kiu estas skribita en Germana kaj Franca lingvoj, havas jenan tekston :

« Per tiu ni se[illegible] al Germanujo [illegible] Francujo konstrukeston. Ni volas kun vi vivi en amikeco kaj kunhelpi en la konstruado de la paco.

« Ni sendas al vi ĉi tiun saluton je la sama tago, en kiu la infanoj de Wales sendas ilian saluton al la infanoj de ĉiuj popoloj. Ne nur la kunvivo kun niaj propraj samlandanoj kaj kunlernantoj estu amikeca, sed ankaŭ la kunvivo de la popoloj. Ĉi tiu tasko estu solvata, eĉ se ĝi estas ankaŭ pli malfacila ol la taskoj de la konstrukesto.

« Sed por kuraĝigi nin en ĉiuj tiaj malfacilajoj, ni salutas vin kredante, ke Dio volas la pacon inter niaj popoloj kaj nin helpas en tiu laboro. Lia Evangelio anoncas "Pacon al la homoj sur tero ".

Majo 1930.

*Germanaj infanoj.* »

La sendajo ricevas ankoraŭ pli varman kaj personan signifon, se la Germana infano aldonas memskribitan leteron, fotografaĵon aŭ ion similan. Infanoj, kiuj kun permeso de iliaj gepatroj aŭ instruistoj volas partopreni en tiu pacservo, devas pagi 0,75 RM por konstrukesto kaj afranko. Estas rekomendinde, ke kelkaj infanoj unuiĝas ekzemple per iniciato de pastroj, geinstruistoj en la lernejo. La tago de la forsendo estas la 18 majo.

Certe nun estas personoj, kiuj rigardas ĉi tiun entreprenon bagatelo kaj nomas la iniciantojn utopiuloj kaj homoj sen nacia memrespekto. Kun ili oni povas tiel malmulte diskuti, kiel kun ateisto pri la vorto de nia Savanto, kiu estas dirinta al ĉiuj homoj sen escepto « Se vi ne estos kiel la infanoj, vi ne povos eniri ĉielon ». Kiel la tuta Evangelio postulas infansencon, naivegecon, humilecon kaj amon eĉ al la malamiko, tiel precipe unu de la plej belaj floretoj de la evangelia spirito : La pacemo. « Kiu povas kompreni ĉi tion, tiu komprenu ĝin ». Mi konfidas, ke multe da gepatroj, pastroj kaj geinstruistoj, kiuj estas respondaj por la klerigo de la infanaj koroj kaj por la formado de la estonteco uzas ĉi tiun bonan okazon de paclaboro por vastigi la koron kaj la spiriton de iliaj protektatoj. La benon donos la princo de l' paco kaj la pacreĝino. Sed tiuj, kiuj ĉagreniĝas, meritas la respondon, kiun Jesuo donis al la ĉefpastroj kaj la leĝistoj, postkiam li rajdis Jeruzalemon « kiel reĝo dolĉanima, rajdanta sur azeno » kaj plendis pri la urbo, kiu ne volis ekkoni tion, kio servis al ĝi por la paco. Ili koleris pri la entuziasmo de la knaboj kiuj ne volis ĉesi la vokadon : « Hosana al la filo de David ». La Majstro respondis al ili : « Jes certe, ĉu vi ne legis : El la buŝo de la neplenaĝuloj kaj suĉinfanoj vi faras al vi laŭdon ? » Kaj li foriris.

Kia nun estas la rezulto de tiu agado en la pasinta jaro ? 126 leteroj alvenis, leteroj en ĉiu maniero. Kelkaj estis skribitaj delikate kaj nete. Kelkaj infanoj sendis desegnaĵojn. Knabo lasis flugi la packolombon de la turo de la katedralo en Köln al la Eiffel-turo en Parizo. Lia fratineto kunsendi deŝiritajn tulipojn. En multaj leteroj oni povis rimarki la manon de la helpintaj patro aŭ instruisto. Multaj leteroj alvenis unuope, aliaj estis kolektitaj de infanoj de lernejoj, de skoltaj grupoj k. s. Grandan ĝojon faris la legado de la leteroj por la Francaj geamikoj. Ĉiuj leteroj estis senditaj al Lyon, kiu estis konata pro la granda akcidento. Nia pacamiko, Pastro Remillieux estas paroĥestro en antaŭurbo kaj gvidas paroĥlernejon. Al ĉi tiu lernejo Sankta-Albano, en Lyon, ni sendis la leterojn kaj ludilojn.

Tie nun estis aranĝita festeno por la disdono. Ankaŭ la Germana konsulo, kiu loĝas en la proksimeco de Sankta-Albano estis invitita. Francaj kantoj enkondukis la solenon. La infanoj de la altaj lernejoj montris, ke ili ankaŭ scipovas la Germanan lingvon (kelkaj el ili estis dum aŭgusto ĉe la Germana marbordo), ili kantis Germanajn kantojn. Membro de la Germana junulmovado « Quickborn » estis ekzercinta popoldancojn, malgranda teatrajo akcentis la unuecon inter la popoloj. Post tio la Germana konsulo disdonis la leterojn kaj ludilojn. Sed tiam la tradukistoj estis sieĝataj. Ĉiu volis kiel unua scii, kion skribis la Germana amiko, la Germana amikino. Unu frazo estis en ĉiu letero : « Skribu al mi baldaŭ ! ».

Mi supozas, ke la Francaj infanoj tion faris. Multaj respondis tuj. Ili rakontis ĉiuj pri la konsulo, kaj pri la blua flago sur kiu estis skribita *Pax*. Iu skribis « La pastro estis kontenta, la konsulo estis kontenta, ankaŭ mi estas kontenta. » Alia, kiu lasis flugi la packolombon de domo kun la Trikoloro al domo kun la Germana flago, rakontis : « Se mi estos granda mi tiam havos laktvendejon. Kaj se tiam la personoj trinkas lakton, tiam mi rakontos al ili pri la paco. »

Donu Dio, ke la malgranduloj, Liaj plejamataj, iom kunhelpas en la konstruado de la paco.

P. K.

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



LIA EPISKOPA MOŜTO KONSTANTIN DOMINIK el Chelmo (Pollando)

« Mi vizitis Lian Episkopan Moŝton Konstantin Dominik. Li volonte konsentis esti membro de la Patrona Komitato. Krome li igis min skribi al vi, ke kun vera ĝojo li legadas la novan organon *Katolika Vivo* kaj transsendas sian tutkoran benon, por ke la movado kresku pli kaj pli por la bono de nia sankta Eklezio.

Pelplin, la 19 marto 1931. ANTONI TROSZYNSKI. »

*Ne estas grandega laboro por vi varbado de unu nova abonanto. Sed akiro de mil novaj abonantoj estas tute nepra por la vivo de nia gazeto. Plenumu do vian etan taskon, kies rezulto estas tiel grava !*

## La Katolika Junularo en Ĉeĥoslovakujo

Katolika junularo en Ĉeĥoslovakujo estas organizita en centra organizajo « Asocio de katolika junularo », ĉeĥe « Sdružení katolické mládeže » (S. K. M.). Laŭ lasta statistiko ĝi havas 13.500 membrojn, el kiuj preskaŭ unu duono esta knabinoj. Tiu ĉi asocio estas fondita sur principoj de tutmonda kristana mondpercepto, kaj estas gvidata laŭ modernaj kristanaj principoj. Ĝi apartenas al neniu politika celado aŭ reganta klaso. S. K. M. kolektas junularon, kiu jam ne plu vizitas lernejojn. La unua tasko de S. K. M. estas la zorgo, ke ĉiuj membroj estu kredantaj kaj bonmoraj. Ĝi edukadas ilin je bonaj praktikaj katolikoj, kaj preparas ilin por ilia venonta vivo. S. K. M. estas laŭ tiuj ĉi temoj progresinta lernejo por junaj katolikoj.

Dum la lasta tempo inter la membroj de S. K. M. disvastiĝas movado por ofta sankta Komunio. Laŭ statistikoj estas jam ĉiu kvara membro Eŭharistiano.

Kom[illegible]eble, ke spiritaj ekzercoj [illegible]igas tiun ĉi movadon. En Ĉeĥoslovakujo estas jam kelkaj monaĥejoj, kiuj dum somero aranĝas spiritajn ekzercojn.

Sur la kampo de edukado por praktikaj profesioj S. K. M. aranĝas multe da kursoj : por kampistoj terkulturajn kursojn, kiuj estis kunigitaj regule kun ekonomiaj ekspozicioj. Por laborista junularo oni aranĝas kursojn de diversaj fakoj. En urboj okazas multe da lingvaj kursoj.

S. K. M. fondis ankaŭ grupon de katolikaj skoltoj kaj somerajn koloniojn, kie urba junularo travivadis sian libertempon.

S. K. M. instruas ankaŭ al siaj membroj eĉ ŝparadon kaj pro tio fondis sian ŝparkason, kiu garantiis la tutan movadon. La organo de la movado estas la dusemajna gazeto *Dorost* (Junularo), kaj ĝia eldonkvanto estas 10.000 ekzempleroj. Por ke la laboro en movado estu senĉese vigla, tial ĉiujare okazadas « Tagoj de junularo ». Dum tiuj tagoj kunvenadas la gvidantaj laborantoj de S. K. M. kaj ili pritraktadas la plej gravajn demandojn de la tuta movado.

La plej grandajn meritojn pri la progresanta organizajo de katolika junularo havas la Societo de Jesuo, kiu donis al la tuta movado profundan religian direkton.

Kaj kie oni trovas tiun ĉi unuan la plej necesan, tie Dio benas ĉion ceteran.

MARIE ZAVADILOVÁ.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La famekonata katolika semajna gazeto en Ĥinujo : *I-che-chu-ol-po*, en sia lasta numero de februaro, anoncis la aperon de nia internacia gazeto katolika, reproduktante la artikolon pri « nia celo ». Ni ŝuldas tiun favoron al nia sindonema amiko, Pastro J.-B. Kao.

La *Oberpfälzischer Kurier,* Weiden (Germanujo), havigis al siaj legantoj, en sia lasta numero de la 16 aprilo, informojn el Sovetujo eltiritajn el nia organo kaj germanlingve tradukitajn de nia samideano Hans Stahl. Ĉu vere nia internacia gazeto povus esti taŭga perilo por la gazetaro katolika ? Provu do vi mem ĉe la redakcio de via enurba gazeto !

# Letero el Nederlando

## La XV-a Katoliktago de Groningen-Drente

Ke la instituto de la katoliktagoj, laŭ fama germana modelo, ankaŭ havas ekzistrajton en Nederlando, montris la 26 aprilo okazinta XV-a Katoliktago por la provincoj Groningen kaj Drente, la plej nordaj kaj izolaj regionoj de nia lando, malgraŭ la fakto, ke tiuj ĉi regionoj estas la plej protestantaj. Krom la fakto, ke ĝi estis la tria lustrumo, la ĉeesto de Lia Ĉefepiskopa Moŝto Msro Johannes Jansen de Utreĥto donis al ĝi festan karakteron. La celo de tiuj ĉi katoliktagoj ja estas plivigligi la katolikan spiriton kaj provizi la katolikojn per freŝa entuziasmo; celo, kiun ĝi en la estinta periodo sukcese atingis. La sekciaj kunvenoj: La Katolika Virino, Edukado kaj Instruado, Meza Klazo, Laborestroj, Laboristoj kaj Kontraŭalkoholmovado donis oportunan okazon por detale pristudi la urĝajn nuntempajn problemojn, dum en la ĝenerala kunsido, kiu estis vizitata de Lia Ĉefepiskopa Moŝto mem kaj de proksimume 1000 katolikoj de ĉiuj regionoj de Nord-Nederlando, estis pratrakta la temo: « Nia kulturtasko por la socia kaj ekonomia vivo de tiu ĉi epoko ».

El la sekciaj kunsidoj ni citu tiun pri « Edukado kaj Instruado », en kiu Rektoro de Groot, el Amersfoort, pritraktis la aktualan temon:

### La nova direkto en la junularmovado

La junularmovado povas esti dividata en du partoj: ĝia celo kaj la iloj, kiuj devas konduki al tiu celo. Estas kompreneble, ke, kiam ni parolas pri la nova direkto en la junularmovado, ni celas alian fincelon de la junularmovado, kiu ĉiam restas la pretigadon de la pli matura junulado por la vivo. La nova direkto do nur povas indiki alian pli konvenan taskon por la nuna epoko. La kvar ĉefaj punktoj en la junularedukado estas: la familio, la Eklezio, la lernejo kaj la libera junularmovado. En la estinta tempo precipe la tri unuaj: la familio, la [illegible] la lernejo prizorgis la edukadon, sed en la lastaj jaroj oni prave intencas doni pli gravan rolon al la libera junularmovado, speciale por la pli matura junularo. Oni povas iom varii la proverbon: « Kiu havas la infanon havas la estonton » kaj diri « Kiu havas la pli maturajn knabon kaj knabinon havas la estonton ».

Antaŭ proksimume 25 jaroj la junularmovado havis defendan, do negativan taskon. Ĝi ja nur celis defendi kontraŭ eksteraj influoj.

Intertempe, precipe sub influo de la intelektualismo, naskiĝis la opinio pri edukado de la pli matura junularo per kursoj, ktp., kaj la junularmovado fariĝis kopio de la lernejo. Tiu ĉi direkto tamen rikoltis negrandan intereson de la flanko de la junularo mem; ĝi eĉ fariĝis antipatia. Tia ankoraŭ estis la stato ĝis antaŭ kelkaj jaroj. Sufiĉe klare montriĝis, ke la aplikitaj metodoj nesufiĉis, kiam oni ekkomprenis, ke la junularmovado devas esti la transirejo de la lernejo al la vivo. Oni ekkomprenis, ke la enprofundigo de la religia vivo nur estas ebla en sfero de memedukado kaj memlaboreco. Krom tio ankoraŭ naskiĝis la ideo de la apostolado de la junularmovado. Oni ekopiniis, ke per la edukado de la individuo oni povis atingi la tutan junularon kaj ke tia organizita junularo estos granda forto estonta, kiu nemalmulte povas antaŭenpuŝi la restarigon de la Regno de Kristo. Resume oni ekkomprenis, ke oni devis forlasi la defendan negativan taskon kaj transiri al positiva konstruanta laboro.

La aplikitaj metodoj kompreneble ankaŭ ne plu sufiĉis por la nova tasko.

Antaŭ 25 jaroj la junularmovado estis *(contradictis in terminis)* en la manoj de plenaĝuloj. La junularmovado estis parto de la animzorgo kaj pro tio ĝi celis la organizadon de la amaso.

En nekatolikaj rondoj oni baldaŭ transiris al formado de grupoj, kluboj, ktp., la t. n. kernformado. Tiu kernformado montris gravajn profitojn. Eksklusiva kernformado tamen ne estas akceptebla por la katolika junularmovado, ĉar ĝia celo restas la tuta katolika junularo, ne nur parto de ĝi. La nova direkto en la katolika junularmovado pro tio celas interligi la amasan edukadon kaj la kernformadon. La nuna sistemo estas tiu de la « kolonoj-konstruado »: malgrandaj kluboj kaj grupoj, en kiuj persona kontakto kun la junuloj estas ebla kaj per tiuj grupoj la tuta amaso. La novaj metodoj kaj iloj akcentigas la memestradon, memedukadon kaj memlaboron. La faktoj jam montris tute klare, ke tia junularmovado estas demonstrativa propagando por la idealo, kiun ĝi celas. En nia lando tia freŝa movado jam estas konstatebla inter katolikoj kaj nekatolikoj. La skoltmovado estis la unua, kiu sekvis tiun direkton. Inter la nekatolikaj la plej gravaj estas: la Nederlanda Kristana Studenta Unuiĝo; la Amsterdama Unuiĝo por junaj viroj; la Liberala Kristana Junulara Ligo kaj la A. J. C., la socialista junularcentrejo, laŭ Aŭstra modelo. Plej gravaj katolikaj unuiĝoj sur ĉi tiu tereno estas la Katolika Skoltmovado, kiu



Msro [illegible] ĉefepiskopo de Utreĥto.

aplikas la sistemon de Sir Baden Powel laŭ katolikaj principoj; la « Graal », unuiĝo por junaj virinoj; la Juna Laboristo; la K. J. V., por knabinoj el la laborista klaso. Specialaj kursoj por gvidantoj kaj gvidantinoj jam estis aranĝataj, sed la katolika junularmovado ankoraŭ bezonas tutan armeon de tiaj apostoloj.

La amasa organizado kaj la libera kernformado, jen la nova direkto en la junularmovado.

La propra laboro de la junularo devas veni sur la antaŭfronto, ĉar nur tio povas veki kaj instigi la intereson de la junuloj evoluigi ilian propran memstarecon kaj prirespondecon.

### La hodiaŭa ekonomia krizo kaj la laboristoj

En la sekcia kunsido de la laboristoj parolis pri ĉi supra temo Rektoro J Colsen, el Nuth (L.). Li unue akcentigis la fakton, ke vere ekzistas nenormala ekonomia krizo. Ni fine venis je momento je kiu ni devas konstati: tiamaniere ni ne povas daŭrigi. La proceso, kiu antaŭiris ĉi tiun krizan momenton kaj kondukis nin al ĝi, jam daŭris centjarojn. Ĝi jam datis de la Renesanco, kiu kreis novan ordon post la mezepoko, kaj plirapidiĝis en la lasta centjaro de la industrio kaj la raciiĝo de la metioj. Jam en 1860 Msro von Kettler diris: « La plej granda parto de la homaro vivas en ĉiutaga necerteco pri iliaj propraj vivrimedoj, tiu necerteco estas la sklaveco de la nuna Eŭropo. Nun ni vidas milionojn da nelibervolaj mallaboruloj. Kiuj ankoraŭ opinias, ke ĉi tiu stato estas regula fenomeno, kiu aperas ĉiujn 6 aŭ 10 jarojn kaj diras, ke ni travivas intertempon inter alt- kaj malaltkonjunkturo kaj ke baldaŭ revenos la balanco, tiuj malpravas; tion sufiĉe klare evidentigas la nenormalaj proporcioj de ĉi tiu krizo. Estas preskaŭ superflue mencii, ke la nuna mondo staras antaŭ problemoj, kiuj baldaŭ fariĝos netransireblaj. Neniu ŝtato en la estonto povas daŭrigi la subtenadon de siaj mallaboruloj nek per laborprovizigo nek per monrimedoj. Ni baldaŭ staros antaŭ katastrofo, dum la komunismo ĉie metas dinamiton. Ĝi estos la bankroto de la kapitalismo, tiu sistemo, kiu elpensis la proverbon: « Aferoj estas aferoj » sed forgesis, ke « Homoj estas homoj » kaj « Dio super ĉio ». La sistemo de modernaj Pilatoj, kiuj juĝas la homojn senkulpaj sed tamen vergas illn. La kapitalista sistemo tro multe elpelis Dion kaj la homan elementon. Ĝi akceptis la monon, alpropriĝis al si rajtojn, kiuj tute ne konsekvence sekvas el la kapitalhavo kaj neis la devojn, kiujn la posedo nepre alportas. Liberalismo kiel sistemo jam estas preskaŭ morta. Socialismo staras antaŭ la baro de komunismo, ĝi ŝanceliĝas inter negativeco kaj positiveco. Pli ol iam Katolikismo nun havas ŝancon. Nur ĝi povas konstrui novan mondstrukturon. Ĝi ne detruos kiel komunismo, kuracisto ja [illegible] ne mortigas sian patienton por sanigi lin! Nia granda historiisto D-ro Nuyens iam diris pri la franca Revolucio: « La revoluciistoj diris al Dio: « Ni konstruos mondon sen Vi kaj kontraŭ Vi kaj ĝi fariĝos paradizo. » Kaj Dio el la ĉielo diris: « Klopodu ». Kaj ili konstruis inferon. « Nu, ni, katolikoj, diru al Dio: « Ni volas konstrui mondon kun Vi kaj por Vi. » Ĝi ne fariĝos paradizo sed ĝi certe ne estos infero. Jesu-Kristo disvastigis sian leĝon de amo kaj justeco pere de dekdu apostoloj, ni estas nun dekdu milionoj. Ni povas, kiam ni volas!

### Nia kulturtasko por la socia kaj ekonomia vivo de ĉi tiu tempo

En la ĝenerala kunsido, kiun prezidis Lia Ĉefepiskopa Moŝto mem, parolis Pastro D-ro Cassianus Hentzen, O. F. M., pri la ĉi supra temo, el kiu parolado ni citas jenon:

En la nuntempa civilizacio la teĥnika evoluo multege antaŭiras la spiritan evoluon. Al la katolikoj estas la tasko, alporti al la mondo pli altan spiritan kulturon. La moderna homo estas malsana, ĉar li malhavas hejmon.

Ĉio devas esti grandega: la marŝipoj same kiel la fasadoj de teatroj kaj kinematografioj, sed tio estas nur ekstera, nur vivo por la okulo. La moderna homo, malhavante ĉiun firman spiritan bazon, serĉas ĉie, pro tio la ekzistado de tiom multe da idealoj. La mondo staras antaŭ problemoj, kiujn ĝi ne povas solvi; problemoj, kiujn sankta Aŭgusteno kaj sankta Tomaso ne povis supozi sed por kiuj la katolika Eklezio konas solvon en sia fundamenta leĝo de amo kaj justeco.

La tasko, kiun ni, katolikoj, devas alpreni estas la laboro praktika en la socia agado kaj la kreskigo de la prirespondecsento, precipe inter la junularo. Vere multaj simptomoj estas enkuraĝigaj. La frua Komunio vekis novan profundan energion kaj entuziasmon inter la junuloj. La katolika junularo estas konsekvence pli katolika en en niaj tagoj, tio montras la inklino al la pastreco kaj monaĥeco. La nuna junularo ne plu estas kontenta per la antaŭa surfaca Katolikismo. Sed ankaŭ la kontraŭo estas vera, multaj estas indiferentaj. Ni bezonas karakterulojn, ne malfortulojn. Ni bezonas idealajn junajn laboristojn, kiuj ankoraŭ pensas pri io alia ol pli alta salajro, energiajn kaj oferemajn en la demokrata epoko, kiu alvenas. En la gvidantaj klasoj ni bezonas prirespondecajn junajn gvidantojn. Ni devas alporti nian kulturon al la idolanoj de Afriko kaj Azio, sed ankaŭ al la modernaj paganoj de Eŭropo kaj Ameriko. La malnova katolika [illegible] ĉiam restas [illegible] la liberalan kaj ĝi ankoraŭ regos, kiam la socialista jam de longe estos morta. Nun deknaŭ centjaroj post Lia morto milionoj ankoraŭ obeas Jesu-Kriston; nia kulturtasko estas elfluo el Lia ordono. « Iru kaj instruu ĉiujn popolojn. »

Lia Episkopa Moŝto Msro Jansen poste direktis sin al la ĉeestantaro.

La nuna tempo estas malfacila, eble ĝi estas la plej malfacila depost la rekonstruado de la eklezia hierarĥio en Nederlando (1848).

La nuna homo volas esti libera, sendependa, sed ĉu li estas tia? Ĉu multaj ne estas katenitaj de la diablo pli ol iam. Ĉu ne ŝajnas kvazaŭ li vokas per la tekniko: « Ĉion mi donus al vi, se vi surgenuante adorus min »?

Individualismo kaj egoismo detruis la socion. Kvardek jaroj pasis, post kiam Leono XIII-a sendis sian Enciklikon *Rerum Novarum,* tiu leĝo de justeco, amo kaj paco, en la mondo. Tio, kio okazis en tiuj kvardek jaroj, pruvas, ke la vorto de la Papo ne estis vana. La estinto estas por ni garantio por la estonto.

Kiel filo de la ekstrema nordo min ege trafis la malkristaniĝo de Nord-Nederlando. Al vi estas la tasko prediki la Evangelion per via ekzemplo, per la vereco de via vivo. Malnova proverbo ja diras: « Paroloj instigas, sed ekzemploj altiras. » Neniu malŝatos vin pro la fakto, ke vi estas tro katolikaj, sed multaj plendos, kiam ili vidos, ke vi ne estas sufiĉe katolikaj. Via ago precipe estu konsekvenca.

La tago finis per honora reprezentado de oratorio. Ĝi estis bela antaŭludo de la baldaŭa tutnederlanda katoliktago, kiu okazos, la 26 majo, en Amsterdamo.

Sciiginda en ĉi tiu rilato estas, ke la raportisto de *Katolika Vivo* renkontis multajn favorajn distingajojn de la flanko de la estraro de ĉi tiu katoliktago.

J. H. Westen.

# La Pollanda episkoparo protestas

Je la nomo de la Pollanda episkoparo Liaj Kardinalaj Moŝtoj Kakowski kaj Hlond, primatoj de Pollando, sendis, fine de aprilo, al la ministro-prezidanto, al ĉiuj ministroj, al la prezidantoj de la Deputĉambro kaj de la Senato, kaj al la prezidantoj de la diversaj parlamentaj grupoj, protestleteron kontraŭ la projekto pri revizio de la konstitucio laŭ laikaj tendencoj.

La registara projekto ja kontraŭbatalas pli malpli la konfesian lernejon, la religian instruadon de la infanoj; ĝi forigas ankaŭ la religian karakteron de la ĵuro de la nove elektita prezidanto de la respubliko kaj la preĝon al Dio ĉe la komenco de la konstitucio; ĝi fine ignoras la katolikan religion kaj ĝian specialan situacion en Pollando.

La episkoparo postulas krome konstitucian konfirmon de la nuna leĝaro pri la edziĝo, laŭ la cetere observota konkordato. Fine la episkoparo petas reformon de la balotsistemo, starigon de supera tribunalo por decidi pri la konstitucia karaktero de la nune ekzistantaj kaj estonte ekzistontaj leĝoj kaj la redono al la Senato de la iniciatrajto leĝa.

Argus.

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
| --- | --- | --- | --- |
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas:

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ᵉ, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto: VII 3.883.

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo:**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXᵉ).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIᵉ).

# Pri la lastaj okazintaĵoj gravaj en Hispanujo



Alfonso XIII-a kaj la reĝino Viktoria
(Sur la fono la reĝa palaco en Madrid.)

Ni tute ne volas enmiksiĝi en politika situacio de iu ajn lando. Ni ja estas internacia organo de Katolika Agado. Kaj kiel la katolika Agado devas esti super la politiko, ni ankaŭ deziras ne okupiĝi pri politikaj aferoj. Tamen kelkafoje kaj eĉ ofte la politikaj situacioj influas la katolikan vivon de tuta lando. Kaj tiel ili povas interesi niajn legantojn. Ni opinias, ke la ŝanĝo de reĝimo en Hispanujo kaŭzos gravan reagon en la katolika vivo de tiu ĝis nun katolikema lando. Kiagrade ? Malfacile estas nun tion diri kaj oni dev[illegible] lonte enpresas en K. V. la leteron al ni senditan de nia Hispana korespondanto ; ni ilustras ĝin de kelkaj bildoj sencelaj.

### La ŝajnaj kaŭzoj de la okazintaĵoj

La malfeliĉa propono de Menentiaga, por akcepti iom post iom la malgrandetan malbonon, rezultis malutila por la katolika sociagado Hispana, malgraŭ la avertoj de la eminentuloj Nocedal kaj Mella, kiuj deziris labori por la plej granda bono.

« Neniu estas profeto en sia lando », diras popola proverbo, sed nun, tio ne estas vera, ĉar Nocedal kaj Mella antaŭdiris, ke tia propono indiferentigos la katolikan amason, kaj tiam jam okazis.

La katolikaj batalantoj kriadis laŭte, tre laŭte, eĉ raŭkiĝis, radiosendante SOS - SOS - SOS, sed neniu aŭdis ilin, neniu rekonsciiĝis.

La katolika popolamaso atendis sian feliĉon, kredante ke sufiĉus malmultaj bonaj homoj por defendi la blankan tranĉeon Hispanan, kiuj mem pagas, skribas kaj legas siajn ĵurnalojn : *El Siglo Futuro* (La Estonta Jarcento) kaj *La Constancia* (La Konstanteco).

La plej grandamaso de hispanaj katolikoj estis indiferentaj, ne atentis konsilojn, nek argumentojn de tiaj tradiciaj kaj viglaj ĵurnaloj katolikaj, eĉ preskaŭ malŝatis ilin.

Dume la komunistoj antaŭeniras, la katolikoj returneniras de la tranĉeo al la lasta reduto, kaj eble baldaŭ al la katakomboj.

### La decidaj balotoj

La 12 aprilo 1931, memorinda tago, okazis la balotado por elekti la urbkonsilantarojn.

La rezultato, laŭ oficiala komuniko de la Ministro de la Gubernio, estas 22.150 rojalistoj kaj [illegible] kontraŭuloj, tamen, la decido estis fatala, kvankam la rojalistoj estis kvaroblaj de la kontraŭuloj, ĉar ĉi tiuj loĝas en la precipaj ĉefurboj, kie ofte tumultiĝas kaj senordiĝas la popolamaso.

### Ŝanĝo de reĝimo

La tago 13, la registaro estis dividita. Do kelkaj ministroj decidis, konsili al la reĝo, konsulti ĉefpartianojn, sed aliaj ministroj opiniis, ke la plej bona solvo estis la eksreĝiĝo.

La tago 14, la reĝo konsultis la Generalaron, sed kvankam kelkaj militestroj estis pretaj por pacigi la tumultulojn, aliaj estis partianoj de la respubliko.

La 14 aprilo, S-ro Maciá proklamis la katalunan respublikon en la Generalejo de Barcelona kaj agante kiel prezidanto li nomis la jenan registaron : Giralt, Carrasco, Rosell, Campanal, Casanovas kaj Gassol.

Samtempe en Madrido Generalo Sanjurjo, direktoro de la Civilgvardio (Guardia Civil) avertis la militan Ministron Berenguer, ke ne plu estis eble haltigi la komunistan revolucion, kaj tial ne respondis pri siaj subuloj. Tiam Berenguer komunikis al la reĝo la decidon de Sanjurjo.

Post kelkaj minutoj la reĝo preparis la jenan manifeston, kiu estis poste publikigata :

« La balotado, kiu okazis, lastan dimanĉon, malkovras klare, ke mia popolo ne plu amas min. Mia konscienco diras, ke tia deklinîĝo ne estos definitiva, ĉar ĉiam mi penis servi al Hispanujo, metinte la unikan klopodon en la publika servo, eĉ en la plej malfacilaj cirkonstancoj.

« Reĝo povas erari, kaj sendube mi eraris iam, sed mi bone scias, ke nia Patrujo montriĝis en ĉiu momento indulgema antaŭ senmalicaj kulpoj.

« Mi estas reĝo de ĉiuj Hispanoj kaj ankaŭ mi estas Hispano.

Mi trovus sufiĉajn rimedojn por defendi mian reĝan prerogativon en efika barakto kontraŭ kiuj atakas ĝin.

« Sed, decide mi ne volas jeti unu patrujanon kontraŭ alia en fratmortiga batalo civila. Mi ne forlasas miajn rajtojn, ĉar pli ol miaj, estas prunto amasigita de la historio, pri kies atenta gardo postulos al mi severan respondecon iun tagon.

« Mi esperas koni la aŭtentikan kaj adekvatan esprimon de la kolektiva konscienco, kaj dume parolas la nacio, mi interrompas konscie la ekzercadon de la reĝa povo kaj mi foriras de Hispanujo, konsiderante ĝin kvazaŭ unika mastrino de ĝia destino.

« Ankaŭ nun, mi kredas plenumi la devon, kiu diktas al mi mia amo por la Patrujo.

« Mi petas Dion, ke, kiel mi, tiel ĝin sentos kaj plenumos ĉiuj Hispanoj. »

### La foriro de la gereĝoj

Je la 20,30 horo la reĝo adiaŭis sian familion kaj forlasis Madridon por iri al Kartaĥeno kune kun Alfonso de Orleans, Duko de Miranda, Admiralo Rivera kaj Asistanto Gallarza.

La 15, je la 4,30 horo, la reĝo enŝipiĝis en la kirasŝipo « Alfonso » en Kartaĥeno por elŝipiĝi en Marsejlo, La reĝa familio foriris de la reĝa palaco de Madrido al Parizo, akompanita de Marŝalo Sanjurjo.



S-ro Alcalá Zamora
Prezidanto de la Provizora Registaro.

La prezidanto de la respubliko de Madrid, S-ro Alcalá, ordonis malpermesi la proklamon de la Vaska respubliko en Guernika.

Kiuj deziras iri eksterlanden, tiuj nur povas kunporti kvin mil pesetojn. La Hispana Banko pagas unu dekonon per arĝentmono kaj naŭ dekonojn per papermono.

La ministro de la Gubernio ordonis permesi la maksimuman amplekson por ĉiuj legitimaj esprimoj de politikaj ideoj kaj doktrinoj, kaj ankaŭ ordonis la maksimuman severecon por ĉiaj atakoj, ĉu al personoj, ĉu al bienoj.

Oficialaj aŭtoritatuloj povas ĉeesti religiajn ceremoniojn nur kiel privatuloj.

La provizora flago de la Hispana Respubliko estas horizontale trikolora : ruĝa, flava kaj violkolora, sed la respublika registaro de Madrido pensas aliajn du, sed vertikale, anstataŭ horizontale.

Francisko M. Rua.

## LA RESPUBLIKA ANTAŬENIRO

(laŭ desegno de K-Hito en *El Debate*)




« ... ili opinias, ke neniu rigardas ilin, kaj la tuta mondo ilin observas. »

### La nova Madrida registaro

La 14 aprilo, tuj kiam la reĝo estis foririnta, oni proklamis la duan Hispanan respublikon en la Ministrejo de la Gubernio. S-ro Alcalá Zamora, funkciante kiel prezidanto, nomis la jenan registaron : Ŝtato : S-ro Lerroux ; Gubernio : S-ro Miguel Maura ; Financo : S-ro Prieto ; Milito : S-ro Azaña ; Maristaro : S-ro Casares ; Justeco : S-ro Ríos ; Laboro : S-ro Largo ; Instruado : S-ro Sanjuan ; Konstruaĵo : S-ro Albornoz ; Ekonomio : S-ro D'Olwer ; Komunikado : S-ro Barrios.

Li ankaŭ nomis marŝalon S-ron Sanjurjo, kiu promesis pacigi la tumultantojn.

### La nova Barcelona registaro

La registaro de la Kataluna Respubliko estas jena :

Prezidanto : S-ro Maciá ; ministroj por Politiko : S-ro Gassol ; Instruado : S-ro Campalans ; Defendo : S-ro Casanovas ; Ekonomio kaj Laboro : S-ro Serra kaj Moret ; Komunikoj : S-ro Carrasco.

### Al nova vivmaniero

La episkopo de Barcelona publikigis cirkuleron, rekomendante, ke la pastraro atentu nur siajn propraĵn religiajn funkcion kaj evitu ĉiumaniere aludi la politikon.





La respubliko aklamata en Barcelona

## LETERO EL AŬSTRUJO

■ Pri *la demando de aŭstra konkordato* la « Centra societo de la instruistaro de Vieno », socialista unuiĝo, publikigis alvokon al la geinstruistaro de Aŭstrujo, ke ĝi klarigu al la loĝantaro la domaĝojn de konkordato: konkordato signifas enmiksadon de eksterŝtata potenco en internajn ŝtatajn cirkonstancojn kaj pro la premiso de la supereco de la Eklezio super la ŝtata ĝi estas kontraŭ la respublika konstitucio. Ankaŭ la « Protestanta ligo por Aŭstrujo » ne hontas, same propagandi la suverenan ŝtatan Ekleziecon, kaj submeti la edzecan leĝdonadon, kiel ĉiujn civilajn kontraktojn, nur al la jurisdikcio de la ŝtato.

■ *Princĉefepiskopo D-ro Ignatius Rieder* de Salzburg nunjare festas la jubileojn de sia 20-jara episkopeco kaj de sia 50-jara



Msro Ignatius Rieder
Princĉefepiskopo de Salzbourg.

pastreco. Li naskiĝis la 1 februaro 1858, en Grossarl, en Salburglando, kaj estis pastrigita la 17 julio 1881. Post unujara agado kiel kapelano en Rauris li fariĝis, en 1883, profesoro en la episkopa seminario Borromäum. Poste li estis depost 1887 dum ok jaroj animdirektoro en la pastra seminario; dum du jaroj profesoro pri eklezia historio en la fakultato de Salzburg kaj dum dekkvar jaroj li instruis pastoralteologio en la sama fakultato. La 19 marto Kardinalo Katschthaler konsekris lin kiel sufragano de la ĉefeparĥio Salzburg. Depost la 12 aŭgusto 1918 la alta jubilanto estas ĉefepiskopo de Salzburg. La jubilea jaro de la eklezia princo estos festata en sia eparĥio per konstruo de du preĝejoj, inter ili unu en antaŭurbo de Salzburg honore al sankta Elizabeto, pri kiu ni jam raportis. Certe la legantoj de nia organo volonte partoprenos en la jubileo preĝante, ke la bona Dio donu ankoraŭ longan kaj sukcesan regadon al Lia Ĉefepiskopa Moŝto.

■ La verko de la Viena apostolo de la laboristaro, P. Anton Maria Schwartz, kiu mortis en 1929, lasttempe tre bone ekfloras. P. Generalo Franz Effenberger povis konstati eksterordinaran aliĝadon de junaj ordenanoj. Ne nur el Aŭstrujo kaj Germanujo, sed ankaŭ el Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo, ja eĉ el Svedujo venas junaj entuziasmaj klerikuloj, tiel ke P. Effenberger jam intencas fondi apartajn novulejojn por la ĉeĥoj kaj hungaroj. Lasttempe la Kalasancano Patro Stiletz estis vokata kiel animzorganto por la laboristoj ĉe la konstruo de la nova Grossglocknerstrato. Post finigo de sia tasko li eklaboros en urbo Salzburg por komenci tie efikan porlaboristan animzorgadon La ĉefepiskopo de Praha ankaŭ intencas transdoni al *la kongregacio de la Kalasancanoj* laboristan parohon en Praha. Pro tio antaŭ nelonge P. Generalo Effenberger vojaĝis al la ĉeĥoslovaka ĉefurbo. La kongregacio ankaŭ intencas la fondon de animzorga stacio en Wiener-Neustadt por havigi al la kristanaj laboristoj de ĉi tiu urboparto la eblecon partopreni en Diservoj. Unue oni eklaboros en barakoj, sed oni esperas, ke oni povos poste fondi apartan filion kun instituto kaj preĝejo. Por finance subteni la kongregacion laboradas la « Kalasancano-helpverko ». Ĉiu katoliko, kiu komprenas la gravecon de bona porlaborista animzorgado, devus fariĝi membro de ĉi tiu helpverko. Kiel konate estas la Kalasancanoj ankaŭ varmaj amikoj de la Katolika Esperanto-Movado.

## LETERO EL LITOVUJO

La ĝisnuna stato de la katolikaro daŭre staradas en la lando. Favoru la bona Dio, ke ĝi baldaŭ ĉesu, kaj bena paco denove ekregu en nia patrujo. Tamen nunaj faktoj alion pruvas.

### La reveno de la Papa nuncio

La 13 aprilo revenis en Kaŭnas Lia Moŝto papa nuncio Msro Bartoloni. Restas demando ĉu longtempe li loĝos ĉe ni. Ni rememorigas sintenon de registaro antaŭ lia elveturo. Plifrue ministro por alilandaj aferoj Zaunius (protestanto), kvankam poste li rifuzis siajn eldirojn, esprimis al ĵurnalistoj maltimecon en konflikto kun la Eklezio, ĉar Vatikano estas malproksime kaj ne havas militistaron. Ŝtata prezidanto poste dum novjaraj salutoj malĝentile kondutis al la nuncio en ĉeesto de alilandaj ambasadoroj, tuj post saluto sin deturnante de la nuncio kaj parolante nur kun soveta delegito Tamen la Papo per sia nuncio transsendis al li donacon: oran monkolekton. Nia ĉefepiskopo Msro Skvireckas akiris de la Papo la altan titolon: asistanto ĉe la pontifika trono kaj Roma grafo.

### La 12 aprilo

Ĉar la registaro ofte ne permesas leĝajn kunvenojn por junuloj de la Katolika Agado,

■ Sekve de fajrerflugo el kamentubo de najbara domo ekbrulis la tegmento de *la diaspora preĝejo en Schaldming,* en supra Stirio, kiu estis *tute ruinigita.* Tragike estas, ke la urba komunumo kun nur 1.300 katolikoj, la pli granda parto de la loĝantaro estas protestanta, nun devas pagi krom la kostoj de la restarigo ankaŭ la ankoraŭ dum dek jaroj pagotaj partopagoj por la renovigo de la preĝejo, finita antaŭ du jarojn. La domaĝo, kaŭzita per la forbrulo, estas minimume 60.000 aŭstr. ŝil.

■ Ĉefabato Petrus Klotz de Sankt-Peter en Salzburg, la 12 aprilo, metis la fundamentan ŝtonon por la *nova preĝejo en Dornbach-* [illegible] isto Clemens Holzmeister garantias la konservadon de la malnova preĝejo, konstruita en 1683, post la batalo kontraŭ la turkoj ĉepiede de la Kahlenberg. La tre ŝanĝoplena historio de Dornbach reiras en la XII-an jarcenton. La plej malnova dokumento pri Dordbach datumas el la jaro 1133 kaj konfirmas, ke la sankta markgrafo Leopoldo III-a donacis la terenon de Dornbach al la abato de la benediktana monaĥejo Sankt-Peter en Salzburg. La Benediktanoj kulturis sian novan posedaĵon kaj baldaŭ ankaŭ stariĝis malgranda kapelo. Sed jam en 1138 Reginbert, episkopo de Passau, konsekris pli grandan preĝejon kaj la monaĥoj el Sankt-Peter servis de tiu tempo kiel animzorgantoj en Dornbach. La invado de la turkoj, en 1529, detruis lokon kaj preĝejon. Nur en 1536 la preĝejo estis nove konstruita, sed la ambaŭ sekvantaj monaĥaj pastroj mortis je la pesto. Sekve de la eniro de la protestantismo el la proksima Hernals kaj pro la manko je ordenaj pastroj transprenis nemonaĥaj pastroj la animzorgadon en la loko, nome ĝis la jaro 1700. Dum la dua invado de la turkoj, en 1683, la preĝejo denove estis detruita kaj nur restariĝis en 1688. Depost 1700 la Benediktanoj ĉiam estas animzorgantoj en Dornbach kaj multon faris por pligrandigi aŭ plibonigi la preĝejon. Ĝi posedas al flanka altaro valoran bildon, Kristo sur la kruco, pentrita de la fama pentristo Schmiedt el Krems. En la parohejo estis ofte la famaj aŭstraj komponistoj Haydn kaj Schubert, kaj ankaŭ Mozart ludis sur la orgeno de Dornbach. Nun estas Dornbach parto de la XVII-a distrikto de Wien kaj la preĝejo jam delonge estas tro malgranda, jam en 1880 oni intencis pligrandigi ĝin, sed nur nun fine oni efektivigos tiun ĉi intencon. La malnova preĝejo restos konservata, oni nur forprenos flankan muron por pligrandigo.

■ Laŭ la agadraporto de la *Karitatunuiĝo* de la ĉefeparĥio Vieno oni povas konstati, ke en la ĉefeparĥio staras 516 viraj kaj 6.497 virinaj ordenanoj en la servo de la kristana karitato. Ili prizorgas ĉiutage meznombre 24.000 infanojn, 2.250 gejunulojn, 830 malsanulojn en propraj hospitaloj kaj 3.800 en publikaj hospitaloj, 1.400 maljunulojn, kadukulojn kaj nesanigeblulojn. Krome laboradas kelkaj miloj de honoroficaj laikaj helpantoj.

Karl Dürschmid.

*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo*

☆

*vidu specialajn prezojn*



ĉitage estis aranĝitaj, laŭeble ĉie, neleĝaj kunvenoj en preĝejkortoj aŭ aliloke publike. Kompreneble polic-oficejoj eksciis ĉi tion antaŭ efektiviĝo, kaj ni ne scias kiom da tiaj kunvenoj okazis en la lando.

Bedaŭrindaj kaj neaŭditaj perfortaĵoj estas, kiujn uzis policanoj terore ĉitage en Kaŭnas.

En salono de la organizajo Sankta-Zita estis kunveno de Eŭharistia sekcio, plimulte konsistanta el inoj, proksimume 200 personoj. Pastro Adomaitis prezidis. Dum kunveno policano venis kaj postulis montri permesskribon porkunvenan. Al li diris, ke pure religiaj organizaĵoj tute ne bezonas permesojn el loka komandanto. Tiam policano eliris kaj poste revenis kun aliaj policanoj, kaj ekpostulis fermi la kunvenon. La pastro-prezidanto fermis, policanoj malpermesis al kunvenintoj eliron, postulante personajn dokumentojn (pasoj). Tion ĉi oni neefektivigis kaj policanoj du horoj tenis en salono kunvenintojn. Malfirma virino eksvenis, kaj sango per gorĝon eliriĝis. Poste policanoj ekkomencis sian faraĉon insultante, puŝante. F-ino B. E. esprimis al ili, ke ĉion ĉi suferi por Kristo agrable estas. Tiam policano faligis ŝin teren perforte, piedbatis ĝis eksveno. Simile okazis al F-inoj M. kaj Z.

Iujn kunvenintojn oni arestadis kaj veturigis en kriminal-policejon kaj malliberejon.

Tiaj kruelaĵoj en libera Litovujo estis ĝis nun neaŭdeblaj!

### Lastaj sciindaĵoj pri konflikto

Laŭ certaj informoj ni sciigas, ke registaro provis rifuzi enveturon al la Papa nuncio, sed tro malfrue: la nuncio jam estis en Kaŭnas. Zaunius, ministro por alilandaj aferoj, kiu nekontenta estas je nuncia sinteno rigarde [illegible] klopodis neallasi revidon de la nuncio kun la ŝtata prezidanto. Ankaŭ li ekproponis al la ministraro la nuncion tuj post lia enveturo per polico perforte transveturigi ekster landlimon. Kia klopodaĉo! Nune la nuncio, ne Lia Papa Moŝto, direkte ricevis lian diplomatan skribaĵon, ke Lia Nuncia Moŝto estas *persona ingrata* al la Litova Ŝtato! Ekvidu ĉiu katoliko, kian honton kaj malhonorigon ni devas travivi, kiam tiel oni kondutas al Papa nuncio!

Sed malesperi ne estas kaŭzo, ĉar videblaj estas jam fortaj penoj de junpastroj kaj pli firma unuiĝo de ĉiu klero. Se gvidantoj maldormas, ne pereos Krista armeo!

Vir.

### Persekutado de la pastraro

La 16 aprilo la juĝisto de Naŭmiestis juĝis Kanonikon Vizgirda kaj Pastron Mikelkevičius, parohestron de Barzdaj. En la proceso de Kanoniko Vizgada juĝisto ne trovis kulpon kaj lin malkondamnis. Tamen Pastro Mikelkevičius estis kondamnita je monpuno de 400 lidoj (40 usonaj dolaroj) aŭ aresto de tri semajnoj.

Por Pastro Steponajtis, parohestro de Pajuris, okazis simile: li estis kondamnita je monpuno de 500 lidoj aŭ aresto de unu monato.

La 20 aprilo la juĝisto de Skuodas diskutis proceson de du pastroj: Jurkus kaj Majejka. Ili ambaŭ estis akuzitaj pro iliaj predikoj, diritaj en preĝejo. Ili estis akuzitaj pri « incitado de kredoloj kontraŭ la registaro ». En la juĝejo « la kulpo estis pruvita » kaj la pastroj estis kondamnitaj: Pastro Jurkus je monpuno de 1000 lidoj aŭ je aresto de unu monato kaj duono, Pastro Majejka je monpuno de 400 lidoj aŭ je aresto de du semajnoj.

Baldaŭ la juĝisto de Vilkmerge diskutos procesojn de Pastroj Juchnevičius kaj Strazdas, kiuj estas akuzataj « pri agitado kontraŭ la registaro ».

Laŭ samaj lastaj informoj baldaŭ estas juĝota Pastro Jocas kaj multaj aliaj pastroj.

Pro tiuj kaj similaj okazintajoj Lia Moŝto Skvireckas, ĉefepiskopo de Kaŭnas, elsendadis al la Litova pastraro cirkuleron per kiu li malpermesas al la pastroj partopreni en la registara partio Taŭtininkai-naciuloj.

Do en Litovujo la registaro jam havas kuraĝon malkaŝe juĝi pastrojn « pro politikajo ».

## El malantaŭ la ruĝa limo

### Oficiala ortodoksa organo

De januaro 1931 la ortodoksa eklezio publikigas oficialan organon: *Ĵurnal Moskovskoj Patriarĥi* (Gazeto de la Moskva Patriarko), sub la gvidado de Metropolito Sergius Stragorodskij. Ĝi aperas ĉiumonate okpaĝa en formato 22 × 30 cm.; la enhavo estas mizera, sed la abonprezo estas multekosta: ĉiu numero ja kostas 1.50 rubl. La programo de tiu oficiala gazeto de la Patriarka Ortodoksa Eklezio estas publikigi: 1e epistolojn, decidojn kaj ordonojn de la Metropolito Sergius kaj de la Patriarka Sindono; 2e artikolojn klarigantaj dogmajn, kanonajn kaj ekleziopraktikajn problemojn; 3e kronikon de la eklezia vivo; 4e sciigojn el la kalendaro kaj de la « Tipikono », k. a.

Efektive la unua numero enhavis sur la du unuaj paĝoj la oficialajn ordonojn de la Metropolito kaj de la Sidono; sur la tria, kvara kaj duono de la kvina, artikolon de la metropolito pri « la rajtoj de la Patriarka Posteulo kaj de lia provizora anstataŭanto ». La eklezia kroniko estis kvinlinia! La paĝoj 6, 7 kaj 8 havigis la ortodoksan kalendaron (januaro, februaro kaj marto).

La enhavo de la dua numero estis jena: decidoj de la Metropolito Sergius kaj de la Sinodo pri *a)* komuna pentofaro, *b)* la afero de Metropolito Eŭlogio (vidu K. V. de la 1. marto); malgranda artikoleto dediĉita al la 1.600-jara jubileo de sankta Bazilo la Grandulo kaj sankta Gregoro; artikolo de Metropolito Sergius pri la « rilato de la Eklezio de Kristo al la disiĝintaj sektoj »; kroniko de la Eklezio (14 linioj); kalendaro por aprilo.

En la unua numero estas interesaj decidoj de la Metropolito Sergius kaj de la Sinodo rilate la ekspastrojn propravole eksiĝintajn aŭ alivorte apostatiĝintajn. La Sinodo klasigas tiujn malfeliĉulojn laŭ tri kategorioj: 1e pastroj, kiuj nur forlasis parohon; 2e pastroj, kiuj ekspatriĝis, sed publike aŭ skribe ne blasfemis, ne publikigis en gazetoj aŭ paroladoj dirojn kontraŭ la pastreco kaj Dio; 3e pastroj, kiuj publike apostatiĝis kaj verkis blasfemajn artikolojn aŭ paroladojn.

La unua kategorio de pastroj ricevos denove parohon post facila pentofaro. La dua kategorio rericevos sian oficon se ili pentofaros al sia eparĥia episkopo, se ili publikigos refuton de sia antaŭa apostatdeklaro, se ili plenumos la eklezian punon. La tria kategorio ne plu povas esti akceptata en la pastraro, eĉ se ili pentofarus.

### Nova leĝaro por la religia asocioj

La unua numero de la Bulteno de la Komisiono ĉe la Prezidantaro de la Tutrusa Centra Plenuma Komitato (V. C. J. K.) publikigas la novajn instrukciojn rilate la religiaj asocioj. Tiu nova leĝaro estas aplikita de la 8 aprilo 1929. Ĝi estas novaj trokomplikaj formalaĵoj, kiuj celas nur malfaciligi la praktikon de la religio.

Petroviĉ.

### Katolika kaj kontraŭkatolika gazetaro

En la tempo de la persekutado katolikaj gazetoj havas pli multe da abonantoj; male kontraŭkatolikaj gazetoj, malgraŭ ke ili estas duone senpagaj, ne havas sukceson ĉe la loĝantaro.

La ĵurnalo *Ateitis* de duone malpermesita (permesita en la gimnazioj, malpermesita en la Universitato) katolika junulara organizajo sub la sama nomo « Ateitis » nun havas bonan sukceson inter gimnazianoj kaj en la katolikaro.

Ankaŭ aliaj katolikaj ĵurnaloj, malgraŭ akra militcenzuro kaj persekutado, estas belaj kaj efikaj.

La ŝtataj oficejoj ofte donadas senpage filibrojn al la geloĝantoj de urboj kaj urbetoj. En ĉi tiuj fi-libroj oni defendas la maljustaĵn agojn de la registaro kaj ankaŭ oni laŭdas la « heroajn » agojn de la diktatoro S-ro Smetona kaj de liaj kunlaborantoj. En aliaj broŝuretoj oni aĉe priskribas la agojn de la episkopoj kaj pastraro. Sed la homoj tre malŝatas ĉi tiujn libraĉojn kaj ofte eĉ senpage ne volas ilin akcepti. Multaj homoj agas laŭ Litova proverbo: « la malmultekostan viandon hundoj fi-manĝas ».

Ignaco.

## INFORMOJ EL FRANCUJO

■ Du gravaj katolikaj manifestadoj okazis, dimanĉon la 19 aprilo, en Angoulême kaj en Chaumont. Partoprenis en ĉiu pli malpli 5.000 viroj, kiuj, respondante la inviton de sia episkopo, sin deklaris tute katolikaj kaj diris sian volon pri respekto al la religio flanke de la registaro.

■ Lia Ekscelenco Msro Maglione, Papa nuncio en Parizo, oferdonacis, la 23 aprilo, vespermanĝadon honore al S-ro Doumergue, prezidanto de la Franca Respubliko, okaze de lia baldaŭa eksiĝo. Oni scias ja, ke la venontaj balotoj por la prezidantofico okazos en Versailles, la 16 majo, kaj ke S-ro Doumergue, ne intencas esti kandidato. Partoprenis en la vespermanĝado ambasadoroj diversnaciaj, ministroj, ekleziaj eminentuloj, riprezentantoj de la Parlamento kaj de la Akademio.

■ La Franca Federacio de la Katolikaj Studentoj kalkulas nun pli ol 10.000 anojn.

■ Kiel kutime la urbo Orléans festis sian liberigantinon Johanino de Ark, la 8 majo, per solenoj, kiun prezidis Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, kaj ĉeestis multaj episkopoj. La panegiron faris Msro Fillon, episkopo de Langres. Fine de majo okazos ankaŭ solenaj festoj honore al Johanino de Ark en Rouen.

■ Pastro Bergey, deputito de la Gironddepartemento, faris paroladon, lasttempe, en Alger, pri la nuntempa krizo de konscienco kaj la devoj de la katolikaj studentoj. La konferenco, organizita de la Asocio de la Katolikaj Studentoj de Alger, estis prezidata de S-ro Laquière, deputito de Alger. Ĉeestis multaj eminentuloj kaj profesoroj de la Universitato. La paroladinto esprimis sian grandan konfidon en la nova generacio, kiu redonos Kriston al la oficiala Francujo.

■ La Pormisia Unuiĝo de la pastraro de Francujo organizas misian kongreson nacian, kiu okazos en la misia palaco de la Kolonia Ekspozicio de Parizo, la 11, 12 kaj 13 aŭgusto. La inaŭgura kunsido okazos lundon 10 aŭgusto, je la 20 h. 30. S-ro Georgo Goyau parolos pri la « pastraro de la [illegible] rolo en la evangelia kaj kolonia verko ». Mardon vespere, sub la prezido de la Papa nuncio en Parizo, oni prezentos filmon de Pastro Aupiais, pri misilando. La merkredo estos dediĉita al Pastro de Foucauld; la solenan kunvenon prezidos Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo. Ĵaudon vespere okazos prezentado de misia teatraĵo. Ĉiutage matene kaj posttagmeze okazos laborkunsidoj, dum kiuj estos pristudataj misi-temoj.

■ Belega kunveno de la Patriota Ligo de la Francinoj okazis, la 26 aprilo, en Coutances. 14.000 liganinoj ĉeestis la kunsidon; ĉar ne estis sufiĉe granda ĉambrego por enteni ilin ĉiujn, la kunveno okazis sur la ĉefa placo de la urbo. La Patriota Ligo de la Francinoj, kiu nuntempe kalkulas 52.000 aninojn nur en la eparĥio, celas redoni Kriston al la popolo.

■ La katedralo de Soissons, kiu multe suferis dum la lasta milito, estis inaŭgurita kaj denove remalfermita por la kulto, la 26 aprilo. La ceremonion prezidis Lia Kardinala Moŝto Binet, ĉefepiskopo de Besançon, antaŭe episkopo de Soissons kaj naskiĝinto en la eparĥio. Ĉeestis la ĉefepiskopo de Reims kaj la episkopoj de Châlons, Arsinoë, Beauvais kaj Amiens. S-ro Paul Léon, ĝenerala direktoro de la Belaj-Artoj, oficiala riprezentanto de la registaro, transdonis la ŝlosilon de la katedralo al Msro Ménechet, episkopo de Soissons. La katedralo estis plenplena de fideluloj, inter kiuj civilaj kaj militaj eminentuloj.

G. O.

*Kun la permeso de la eklezaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71



## LETERO EL HUNGARUJO

### La Granda Misio en Pécs

Nun neatendita rezulto fariĝis la granda misio en Pécs. Ĉiuj preĝejoj dum la misioparoladoj — kiuj estis diritaj trifoje potage — estis plenplenaj. Ke la misio regis la animojn de la tuta loĝantaro pruvas elokvente la fakto, ke la urba teatro dum la misi-semajno estis preskaŭ tute malplena, malgraŭ ke hungara fama aktorino gastludis.

En preĝejoj Sankta-Aŭgusteno, Interurba, Franciskana, Fabrikurba kaj Sankta-Floriano (minejkolonia), dum la semajno, unu vesperon ĝis noktmezo, kaj en la Katedralo lastan tagon, dum la tuta nokto, estis adorado al la Plejsankta Altarsakramento, dum kiuj la preĝejoj estis senĉese plenplenaj de adorantoj. La konfesejn dum noktoj aŭskultis la senlacaj misi-patroj, kaj kortuŝe estis vidi, kiam en nokto, je unu horo celebrita sankta meso, la fidelularo amase akceptis en sian koron Tiun, Kiun la misi-patroj portis kaj donis al ili: Jesu-Kriston.

Espereble ĉi tiu impona elmoviĝo ne estis nura ekflamiĝo, sed ĝi daŭros, ĉar kiel la fama misioratoro, Lia Episkopa Moŝto Stefano Zadravecz, diris en sia adiaŭa parolado: « La misio ne estas finita, sed nun komenciĝas, nun kiam mi foriras de tie ĉi, kiam silentiĝos la lasta resono de mia laste dirita vorto, tiam komenciĝos por vi, de vi. Ĉar ni ne forgesu — daŭrigis li, — ke la surteraj justecoj nur tiam povos triumfi se ni unue la dian justecon triumfigas. Tion ni ofte, tre ofte, kun la ĉiela pano atingos kaj tiam ekestiĝos, duobliĝos ankaŭ la tera pano, kiu bedaŭrinde nuntempe tiel multe mankas. »

Larmoj brilis en la okuloj kiam la misipatroj siajn benojn donis al la misi-partoprenantoj kaj tutcerte ĉiu katoliko en Pécs, kun la sama petego turnis sin al la Ĉiopovanto, ke Li benu abunde la bonajn, noblajn misi-patrojn.

### La efiko de la Granda Misio en Pécs: Kuracist-profesoro fariĝas monaĥo

D-ro Jenö Hanzséros, la eminenta kaj de ĉiuj ŝatata kaj amata kuracist-profesoro de la Infan-Kliniko en Pécs, enpaŝis en la or[illegible] Tiu ĉi intenco lia estis jam malnova, sed la finan decidon rezultigis ĉe li la Granda Misio, en kiu li persone partoprenis. Li jam forvojaĝis al Eger (supra Hungarujo), kie li pasigos sian novician jaron, kaj poste li obeeme tien iros, kien sia Ordeno direktos.

D-ro Jenö Hanzséros estas konata en la socia vivo de Pécs; li tie fervore kaj entuziasme laboris en la universitataj junecaj movadoj kaj nun, forlasinte la urbon, ĉies amo akompanas lin en lia nova socia vivo.

### La kulto al Sankta-Teresio el Lisieux

En Pécs la Franciskanoj dediĉis lasttempe en sia preĝejo kapelon honore al Sankta-Teresio el Lisieux, kiu kapelo en ĉiu horo de la tago estas vizitata kaj neniam mankas en ĝia altaro la plej ŝatata floro de la kara sanktulino: rozo.

Heleno Fiedler.



KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo:
**10, Rue Pergolèse
Paris-XVI**

Poŝta ĉekkonto:
**Ramboux Georges, Paris no 281.40**

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo . . . . . | fr. fk. | 750.— |
| 1/2 paĝo . . . . . . . . | — | 420.— |
| 1/4 paĝo . . . . . . . . | — | 250.— |
| 1/8 paĝo . . . . . . . . | — | 150.— |
| 1/16 paĝo . . . . . . . | — | 90.— |
| Anoncetoj, la linio . . . | — | 5.— |

La anoncoj estas kutime pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.



*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo !*



Tiucele ni sendas al unu sama adreso:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 5 | ekz. | kontraŭ | pago de | fr. fk. | 5.— |
| 10 | — | — | — | — | 9.— |
| 25 | — | — | — | — | 20.— |
| 50 | — | — | — | — | 35.— |
| 100 | — | — | — | — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris no 281.40.

1ª Jaro — Nº 10 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 10 Majo 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## De nun nia adreso estas :

## 10, Rue Pergolèse - Paris-XVI

## LETERO EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Unua paŝo al la koncentrigo de la katolika instruado

Laŭ la intenco de la episkopa konferenco fondiĝis en Praha, la 31 marto pasinta, Ligo de edukaj kaj klerigaj institutoj.

Kiel estro de tiu ĉi organizo, estis destinita Msro D-ro Šimon Bárta, episkopo de České Budéjovice. La fondo okazis en la ĉeesto de eminenta katolikaro el Praha, kaj de riprezentantoj de ĉiuj lernejaj kongregacioj kaj katolikaj lernejoj de ĉiuj tipoj. La tasko de tiu ĉi ligo estas, klopodi kaj helpi al tio, por ke katolikaj privataj lernejoj estu kiel eble plej bone ekipitaj, laŭ la vidpunkto materia kaj persona, por ke ili povu sukcese konkuri kun la ŝtataj lernejoj. La organizo de tiu ĉi afero estas parto de la Katolika Agado en Ĉeĥoslovakujo.

### Partopreno de la katolikoj en la registaro

Katolika elemento estas ĉiam kaj ĉie ŝirmo de la homa societo, de la ŝtato, ĉar ĝi rekonante siajn devojn al Dio, samtempe rekonas la devojn al homoj.

Tial nemirinde, se ni rigardante trans la eŭropajn demokratiojn ĉie ni vidas la katolikojn, aktive kunlabori en direktado de sia ŝtato. La samo okazas en Ĉeĥoslovakujo.

Tuj post la restarigo de la ĉeĥoslovaka ŝtato, en 1918, la katolikoj ĉeĥoslovakaj, malgraŭ la persekutado kaj perfortado flanke de liberalsocialista plimulto, donis siajn fortojn je dispono de la ŝtato. Sed samtempe ili ne mallaboris, sed komenciĝis aktiva politika koncentrigado de katolikaj fortoj. Per mondmilito disigita ĉeĥa kristan-sociala partio estis reorganizita en « Popola partio », kies gvidanto fariĝis, kaj funkcias ĝis hodiaŭ, Msro D-ro Jan Šrámek. Simila aktiveco montriĝis ĉe katolikoj germanaj kaj hungaraj, loĝantaj sur la teritorio de la ĉeĥoslovaka respubliko.

Dank' al tiu ĉi klopodo ricevis dum la lasta balotado, okazinta la 27 oktobro 1929, la partioj kun kristana kultura programo jenan nombron de la voĉoj :

Ĉeĥa kaj Slovaka popolpartio 1.048.391 voĉojn.

Germana kristan-socia partio 348.066 voĉojn.

Kunigita hungargermana kristan-socia partio 257.372 voĉojn.

Do, entute 1.553.829 voĉoj, t. e. 21,04 % el ĉiuj balotintoj. Sekve eniris la parlamenton en Praha, 67 celsciaj katolikaj deputitoj, kiuj per ĉiuj fortoj kaj eblecoj defendas la interesojn de la katolikaro kaj katolika Eklezio en Ĉeĥoslovakujo. Laŭ la nacieco la nomitaj parlamentanoj apartenas jene. Ĉeĥoslovakoj 44, germanaj kristan-socianoj 14, kaj 9 anoj de kunigita hungargermana kristan-socia partio. Ilia laboro ne estas facila, se oni scias, ke la ĉeĥoslovaka parlamento konsistas el 300 anoj, kaj el ĝi nur 67 aktivaj katolikoj. Unu el ilia grava faro estis, ke oni malhelpis la eksplodon de kultura batalo, kaj eldono de kontraŭkatolikaj leĝoj, k. t. p. Sed granda laboro ilin atendas — gajno de libera per la ŝtato pagata katolika lernejo. Granda ankoraŭ malproksima celo, sed tamen atingebla.

Francisko Kudrna.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ La fama baziliko Sankta-Sofio en Konstantinopolo, kiun unue la mahometanoj transformigis en moskeo, lasttempe estis aranĝita de la nuntempaj turkoj sendiulaj por esti radio-posteno. La turoj estas uzataj kiel antenmastoj kaj la nevo estas nun « studio ».

■ La Sankta-Patro komisiis Lian Kardinalan Moŝton Lega, alta protektanto de la Monaĥejaj Franciskanoj, por lin riprezenti kiel Papa Legato en la centjaraj festoj honore al sankta Antonio el Padova.

## Esperanto, la lingvo por la Radiostacio de l' Vatikano

De Advokato D-ro Hinsenkamp, Essen.

Latino estas la lingvo de la katolika Eklezio,
Esperanto la lingvo de la kreduloj.

En artikolo « La radiostacio de l' Vatikano » oni konstatas la malfacilaĵojn, kiujn faras la elekto de la lingvo, en kiu estonte radifonios la nova stacio. « Por eviti ĉiujn naciajn malfacilaĵojn oni elektis Latinon kiel oficiala lingvo de la stacio de l' Vatikano. » Sed oni komprenas, ke tio ne multe utilas al la aŭskultantoj, ĉar tiuj grandnombre ne scipovas Latinon. Oni proponis tial, radifoni en kvindek diversaj lingvoj. Sed « nova kunsido de la Papa Akademio de la Sciencoj refoje pritraktos la diversajn demandojn kaj poste decidos » laŭ la nomita artikolo.




La Babel-turo ankoraŭ ekzistas !

Al la Papa Akademio de la Sciencoj mi rekomendas, konsideri dum la pritraktoj tiujn du dirojn :

Unue la vortojn de la Angla Pastro Richardson, kiu mortis antaŭ kelkaj jaroj : « La katolika Eklezio estas granda familio, sed familio de mutuloj, ĉar ĝi ne havas komunan modernan lingvon ; sed kiam ĝi havos tiun, tiam ĝi prezentas spiritan forton, kontraŭ kiu neniu forto de la mondo povos batali. »

Poste la vortojn de Tolstoj : « Rigardante la situacion de Eŭropo estas por mi nekompreneble, ke la popoloj de Eŭropo en iliaj provoj interkompreniĝi ne uzas Esperanton, la plej simplan interkompreniĝilon. Mi mem lernis ĝin dum du horoj. »

Se iam ekzistis okazo por montri al ni, katolikoj, ke mankas al ni por plenplena internacia unueco en moderna — ne en eklezia — senco la moderna, internacia kompreniĝilo, tiel estis tio la starigo de la Vatikana radiostacio.

Ke oni en kvindek lingvoj ne povas organizi radiofonion, estas kompreneble ; tial la novaj pritraktoj. Ke la Latino ne estas uzebla, tion oni tuj ekkonis en la Vatikano. Same kompreneble la uzado de la « mondlingvo » angla aŭ de la « diplomatia » lingvo franca pro nacia sentebleco ne estas ebla.

La sola helprimedo estas la uzado de Esperanto. Mi ĝin nomas helprimedo, kvankam ĝi estas la sola solvo — kaj tamen tre bona kaj perfekta solvo — de la malfacilaĵoj.

Oni pripensu jenon :

1. Ne ekzistas civilizita nacio en la mondo, en kiu ne miloj parolas Esperanton.

2. Ĉi tiuj esperantistoj apartenas al la klerularo. Tio ne signifas, ke ili estas akademianoj aŭ havis gimnazian edukon. Kontraŭe mi supozas, ke la plimulto de la esperantistoj nur vizitis unuagradajn lernejojn ; sed ili senescepte estas homoj sentantaj la deziregon pliperfektiĝi kaj disvastigi siajn horizontojn.

3. La intereso por Esperanto ĝuste vivas en katolika popolaro kaj la spertoj instruis min, ke precipe en katolikaj rondoj estas tre facile, montri la praktikan valoron de Esperanto, ekzemple por internaciaj rilatoj de la katolikaj unuiĝoj samcelaj : akademianoj, junulunuiĝoj, junmetiistaj unuiĝoj. Tia evidenta ekzemplo por montri la necesecon de la uzado de Esperanto por la rilatoj de la Sankta-Seĝo kun la kreduloj en la tuta mondo, kia estas la starigo de la Vatikana radiostacio ĝis nun ne montriĝis.

4. Esperanto estas laŭ sia interna lingva valoro kiel rilate al la ebleco, esprimi en ĝi ĉiujn, eĉ la plej subtilajn pensojn, kiel ankaŭ rilate al la bonsonado samperfekta al ĉiu vivanta lingvo. Profesoro Gilbert Murray, el la Universitato en Oxford, skribis je la fino de sia juĝa pritrakto, kiun li faris komisiita de la Ligo de la Nacioj « Min filologon ravas Esperanto pleje. »

5. Ĉiuj intencoj, disvastigi Esperanton inter la katolika klerularo — klerularo laŭ la dirita sub 2 — estus utopiaj, se la lernado de ĝi ne estus tiel mirege simpla. Kion Tolstoj diris, li lernis Esperanton dum du horoj, tio eble ŝajnas iom troigita ; sed la 70-jara P. Gruber, S. J., rakontis, ke li en kvin vesperhoroj studis sen instruisto Esperanto-gramatikon kaj poste estis kapabla legi katolikan gazeton esperantlingvan. El propra sperto mi scias, ke por homo kun nur malmulta scio pri lingvoj estas facilege dum eble dek lecionoj lerni Esperanton. Bona lernanto de unuagrada lernejo bezonas eble du monatojn po ses horoj en la semajno. Mi konas multajn esperantistojn kun edukado en nur unuagradaj lernejoj, kiuj flue parolas kaj skribas Esperanton. Tion oni komprenas, pripensante, ke por la lernado de franca aŭ angla lingvoj estas necese enmemorigi 40.000 vortojn. Por akiri saman perfektecon en Esperanto sufiĉas la lernado de 2.000 radikoj. Ĉiujn aliajn vortojn oni derivas laŭ propra sistemo de vortfarado.

6. Laŭ la dirita ne ekzistas malfacilaĵoj por ebligi al la katolika klerularo de la tuta mondo la aŭskultadon de la radiofonio de la Vatikano post kelkaj monatoj. En neniu alia maniero la Vatikano estus kapabla samtempe paroli al la kreduloj de ĉiuj nacioj.. Laŭ mia opinio sufiĉas instigo de la Sankta Patro por lernigi Esperanton per la klerikaro de la tuta mondo, se tiumaniere estiĝus la eble ĉe aŭskulti senpere la radiofonion de la Vatikano. Nesupozitaj perspektivoj estiĝus rilate al la raportado, presagentejoj por la katolika gazetaro, k. a. Ne estas troigite diri, ke post la invento de la presarto neniu alia pli taŭga rimedo por la disvastigado de la Kredo estas eltrovita. Tio precipe valoras rilate la Vatikana radiostacio.

La plej simpla kaj plej efika rimedo por starigi instruantaron por la instruado de la katolika junularo en Esperanto estus la enkonduko de Esperanto kiel deviga fako en la teologiaj instituoj. Pro la facileco de la lernado tio ne signifas ŝarĝon de la studantoj.

D-ro Hinsenkamp.

## EL LA VATIKANA URBO

### Nova eliro de Lia Papa Moŝto

Pio XI-a denove eliris el la Vatikana Urbo por inaŭguri la novan kolegion de la Propagando situatan sur la Janikul-monto, en Romo. Neniu sciis antaŭe pri la intenco de la Papo kaj ĝis lastmomente oni pensis, ke Kardinalo Pacelli riprezentis la Papon ĉe la solena inaŭguro. Sed la 14 aprilo matene, je la 10-a, Lia Papa Moŝto preparigis ĉion por sia iro al la inaŭgurota kolegio.

La Papo supreniris aŭtomobilon ornamitan de la papa flago kune kun Msro Caccia Dominioni, ĉambromastro, kaj Msro Cremonesi, sekreta kapelano. Aŭtomobilo, entenanta la guberniestron de la Vatikana Urbo, antaŭe iris, kaj aliaj, veturantaj dejorantajn kameristojn postsekvis.

La aŭtomobilaro alvenis ĉe la sojlo de la kolegio kelkajn minutojn post la 11-a. Kiam la Papo eliris el sia veturilo diverslingva aklamado aŭdiĝis. Estas ja en la kolegio de la Propagando 140 seminarioj el 30 nacioj. Pio XI-a estis vestita per granda mantelo ruĝkolora kun oraj kvastoj, sur la blanka sutano. Lia Kardinala Moŝto van Rossum, ĉirkaŭata de 16 kardinaloj, inter kiuj Kardinalo Mundelein, el Ĉikago, emocie bonvensalutis la Papon. Procesie oni iris al la preĝejo. Pio XI-a sidiĝis sur trono por aŭskulti la paroladon de la Kardinalo-Prefekto de la Propagando. Poste li siavice paroladis por danki ĉiujn naciojn, kiuj kunlaboris al la starigo de tiu nova kolegio, kies unua ŝtono estis de li mem benita en la Vatikanaj ĝardenoj, kaj kies konstruaĵon li plezure nun inaŭguras. La Papo travizitis la tutan domon, benante ĉiujn ĉambrojn. Post kantado de *Te Deum* Lia Papa Moŝto donis la apostolan benon. Kaj Pio XI-a reiris per la sama vojo al la Vatikana Palaco. Estis tiam la 13-a.

Eksterlande oni miras iomete pri tiuj neatenditaj eliroj de la Papo. Sed kiam oni scias... ! Kiam estis subskribitaj la kontraktoj de Laterano, S-ro Mussolini estis tre dezirinta, ke la Papo solene iris al la baziliko de Laterano, inter spaliroj de italaj soldatoj, tiele protektata de la itala registaro. Sed Pio XI-a ne akceptis tiun neeblan demonstradon, ĉar li tute ne volis aspekti kiel subulo de la faŝismo. Tial la Papo kvazaŭŝtele vizitis la bazilikon de Laterano. Sed Mussolini ĉiam esperas renkonti okazon por organizi tian demonstradon, por plifirmigi sian politikon ĉe la katolikoj. Kaj sekve la Papo devas ankaŭ sekvi la saman agadmanieron. Li aĉetis sufiĉe koste la liberecon, por povi ĝin uzi tutlibere.

### Papa donaco

Ni jam parolis pri la donaco de la reĝo de Rumanujo al Lia Papa Moŝto. Rekompence Pio XI-a sendis al la reĝo Karolo II-a sian portreton kun aŭtografa letero. La nuncio en Bukaresto transdonis la Papan donacon al la reĝo en speciala aŭdienco.

### Diversaĵoj

Oni kalkulis, ke, okaze de la naŭa jardatreveno de la kronigo de la Papo, pli ol mil gratultelegramoj, inter kiuj tiuj de la ŝtatestroj alvenis al la Sankta-Patro.

Pio XI-a sendis al la prezidanto de la respubliko de Nicaragua siajn tutkorajn kondolencojn pri la terura katastrofo, kiu ruinigis la Managua-urbon.

Petrano.

## Propagandu ĉien nian gazeton